KIEN
LA ANGLA?

MARILYN
MONROE NE
SINMORTIGIS

LA VIVO DE
LORENZ EN
EŬROPO

# Jes Ja!

TRIGUEIRINHO:
LA TERO
BALDAŬ
SUFEROS
GRANDAJN
ŜANĜOJN

Brazila E-gazeto Sendependa * Aŭtuno 1991
Mal. Frota, 278 * 91350 Porto Alegre, RS, Brazilo



## MOMENTOJ

2

## EN LA UNUA FOJO



Ĉu vi memoras pri la unua fojo? Nervoza, instigi ta de la amikoj, vi aliris tiun belan knabinon kaj inter tremoj kaj balbutoj demandis: "Ĉu vi dancu kun mi?" Ŝi akceptis la inviton kaj vi ruĝi ĝis ĝis la pinto de la piedfingroj... (el la taggazeto Zero Hora)

## SURKOVRILE

Laŭ kelkaj sekretaj informoj Usono posedas kadavrojn de eksterteranoj similaj al tiu. Se paroli pri tio, ĉu vi scias, ke de 1947 ĝis hodiaŭe estis registritaj proksimume de po 250 ĝis 300 mil NIFO-ekvidoj, el kiuj ĉ. 3500 surteriĝis?


GANDHI

LA FORTO de amo estas la sama forto kiel tiu de la animo aŭ vero. Ni havas evidentecon pri ĝia laboro ĉie ajn. La universo malaperus sen la ekzisteco de tia forto. GANDHI

MALĜOJAJ TEMPOJ la niaj! Estas plifacile desintegra di iun atomon ol iun antaŭjuĝon. EINSTEIN



LA IDEOJ: oni vivu ilin. ANDRÉ MALRAUX

VI NE povos eviti, ke melankolio flugetu super via kapo, sed klopodu malpermesi, ke ĝi faru neston tie. (ĈINA POETO DE LA 11a JARCENTO)

LA TIMO unuigas la homojn plie ol la kuraĝo. C. DRUMMOND DE ANDRADE

LA IDEALISTOJ estas la realistoj de la bono. (NEKONATO)

MI PLI kaj pli ŝatas homojn. (IU KANIBALO)

BARBAROJ! IDEOJN oni ne mortigas. SARMIENTO

DU EKSCESOJ: ekskludi la racion kaj nur agnoski la racion. PASCAL

## KIEL DIRI?



"Apostila" = lernokajero, lernilo

"caderneta de poupança" = ŝparkonto

"caneta esferográfica" = globskribilo

"fascículo" = kajero

"grafite" = murskribaĵo

"lobby" = prem-grupo

"logotipo" = signo

"noticiário" = novaĵ-programero

"off-set" = ofseto

"padrão" = modelo

"programação" = programo

"rede de TV" = televida reto

"shopping center" = butikuma centro

"spray" = ŝprucigilo

"supermercado" = supervendejo, superbazaro, supermarkto

"telenovela" = teleromano(*), fikcia serio

"trêiler" = rul-domo

"visão de mundo" = mond-percepto

---

(*) proponate de la aŭtoro

Far Instr. César Dorneles Soares
Porto Alegre/ RS

## MARILYN MONROE: "MI NE MEMMORTIGIS!"





"Mi ne memmortigis. Mi estis mortigita. Mi vin petegas - rekomencu la esploradon pri mia morto!" Tiaj vortoj estis atribuitaj al la spirito de aktorino Marilyn Monroe, sekssimbolo de la usona popolo, trovita morta en la 5a de aŭgusto, 1962.Ŝia morto estis atribuita al iu letala dozo da piloloj por dormi laŭ iu oficiala ekspertizo en la epoko.Tamen tiu versio en 1982 komencis esti malkonfirmita depost du spiritistaj seancoj kiuj ŝajnis evidentigi realajn kontaktojn kun la spirito de Marilyn.

Unua kontakto - La unua seanco estis realigita en Los Angeles ĉe la domo en kiu la aktorino mortis.La posedantoj, surprizitaj pro iu forta odoro el floroj kaj pro subitaj temperaturfaloj en la dormoĉambro en kiu la fama Marilyn forpasis, vokis la bonreputacian sentemulinon Clarisa Bernhardt cele al senvualigo de la kaŭzoj de tiaj fenomenoj.Ankaŭ partoprenis du reporteroj kaj la verkisto Robert Slatzer, kiu estis sekrete edziĝinta al Marilyn.Fine de la seanco la spirito estus markinta alian rendevuon

(pluas)

JES JA!

Brazila E-Gazeto Sendependa

Redaktoro: César Dorneles Soares
Redakcia adreso: Mal. Frota, 278 91350 Porto Alegre,RS Brazilo (0512) 44.2591
Cirkulas en RS, SC, PR, SP, RJ, MG, ES, DF, GO, BA, AL k CE
Kunlaboraĵoj bonvenaj.
Ricevu viahejme ekzempleron kontraŭ 3 (tri) poŝtmarkoj por simplaj leteroj.

Oni petas interŝanĝon.



(daŭrigo)

al la sekva tago en la kripto kie troviĝas sia tombejo.

Mortigo - En la kripto estis farita la dua seanco. Krom la anoj de la grupo kiu faris la unuan kontakton, partoprenis la verkisto Raymond Bayless kaj Alan Vaughan, kiu estis eldonanto de "Psychic Magazine".Clarisa, balbutante vortojn per voĉo tre simila al tiu de Marilyn, rakontis kiel du homoj eniris la dormoĉambron de la aktorino kaj per forto aplikis al ŝi du mortigajn injektaĵojn.Ŝi krome menciis la sekretan flirton kun Robert Kennedy kaj liajn promesojn laŭ kiuj se li estus elektita kiel prezidanton de Usono, li edziĝus al ŝi.Kaj fakte Slatzer memoras, ke nelongtempe antaŭ ŝia forpaso, Marilyn diris al li, ke Bob volis edziĝi al ŝi sed post kelktempe rimarkinte lian rifuzon plenumi la promeson ŝi kredas, ke Bob







Supre: Rettig, Monroe kaj Mitchum en sceno de "La Rivero de la Perditaj Animoj".

*************************************************************

estas kontraktanta mortigantojn por mortigi ŝin pro tio, ke li scias pri la intenco de Marilyn rakonti al la tuta mondo pri ĉio kio okazis inter ili.Laŭ Slatzer, Marilyn intencis kunvoki iun kolektivan intervjuon al la gazetaro por malkaŝi sian flirton kun Bob Kennedy. La intervjuo estus markita al la 7a de aŭgusto, 1962.Hodiaŭ multaj esplorantoj pri la vivo de Marilyn Monroe eĉ ne vizitantoj de ĉia spiritista seanco deklaras sin konvinkitaj, ke la neforgesebla aktorino ja estis mortigita.
(el la revuo PSI-UFO)

KIO? KIE?

FRATERNIDADE ESPÍRITA RAMATIS - Spiritaj kirurgioj je distanco.En unua letero bv. kunsendi foton kaj koverton kun poŝtmarko por respondo.Adresas ĉe str. Pedro Cacunda, 331, 3a etaĝo.PK 02046, San-Paŭlo, SP, Brazilo.Telefonn-ro (011)267.5409



8

## IOM PRI STILO KAJ KONSTRUO DE LA FRAZO EN ESPERANTO

Frazoj konsistas el vortoj, sed ne ĉiuj lingvoj metas la vortojn laŭ sama sinsekvo por esprimi difinitajn ideojn. Por diri la frazon "Hieraŭ mi vidis mian amikon", germanoj, nederlandanoj kaj kelkaj aliaj ĝermanlingvanoj grupigas la vortojn jene: "Hieraŭ estas mi mian amikon vidinta", dum angloj diras: "Hieraŭ mi vidis mian amikon" kaj francoj: "Hieraŭ mi estas vidinta mian amikon" aŭ, por emfazi, ke mi vidis *mian* amikon (ne tiun de alia persono): "Mian amikon mi lin estas vidinta hieraŭ".

Vi scias, ke Esperanto ne havas absolute fiksajn regulojn por la vort-ordo, por la maniero, laŭ kiu oni aranĝas la vortojn en iu ajn frazo.

Precipe en poezio oni uzas ofte iom nekutimajn vort-aranĝojn, ĉu por ebligi la rimon, ĉu por konservi la ritmon de la poemo. Pensu pri la Esperanta "himno", en kiu aperas jena frazo: "Nę al glavo sangon soifanta, ĝi la homan tiras familion". En normala prozo oni dirus: "Ĝi ne tiras la homan familion al glavo, kiu soifas (soifanta) al sango." Kvankam do principe oni estas sufiĉe libera en la grupigo de la frazo-elementoj en Esperanto, estas rekomendinde sekvi kaj observi la modelon *subjekto – verbo – akuzativa objekto* – dum la aliaj frazo-partoj, kiuj esprimas cirkonstancojn (ili nomiĝas 'adjektoj'), sekvas aŭ antaŭ-iras la ĉefan frazon. Ekzemple:

Mi skribos longan leteron *morgaŭ* – *morgaŭ* mi skribos longan leteron. *Hieraŭ* mi pagis la sumon, kiun mi ŝuldis al li *jam dum longa tempo.* La dativan objekton oni povas meti antaŭ la akuzativo aŭ post ĝi, do: La instruisto (subjekto) lernigas (verbo) Esperanton (akuzativa objekto) al mi (dativa objekto), aŭ: La instruisto lernigas al mi Esperanton.

esperanto, marto 1972 / 57

**En Esperanto oni kutime metas la adjektivon tuj antaŭ aŭ tuj post la substantivo, al kiu ĝi rilatas. Se estas pli ol unu adjektivo oni povas laŭplaĉe meti ilin kaj antaŭ kaj post la koncerna substantivo. Ekzemploj: *Mia fianĉino havas belajn, bluajn okulojn kaj longajn harojn blondajn. Ni estas membroj de granda organizaĵo internacia.***

**Por la klareco de la stilo ne estas rekomendinde meti tutajn frazo-partojn inter la adjektivo kaj la substantivo. Tamen oni sufiĉe ofte legas en Esperanto-periodaĵoj tekstojn, en kiuj tiaj, iom neklaraj, frazo-konstruoj abundas.**
**Jen kelkaj ekzemploj, arbitre ĉerpitaj el pluraj Esperanto-revuoj:**

---

*La estonteco de nia asocio troviĝas en la manoj de junaj, plenaj de entuziasmo aktivuloj.*

*La gazetaro raportis pri la nelojalaj, intence elpensitaj de la eksterlanda konkurenco atakoj.*

*Oni tenis en malliberejo la minacatan per mortkondamno kuraĝan batalanton.*

**Pli klara estas:**

*... troviĝas en la manoj de junaj aktivuloj, plenaj de entuziasmo.*

*... pri la nelojalaj atakoj, intence elpensitaj de la eksterlanda konkurenco.*

*Oni tenis en malliberejo la kuraĝan batalanton minacatan per mortkondamno.*

---

Kvankam gramatike korektaj, oni prefere ne formulu frazojn, kiujn oni devas unue analizi vorton post vorto antaŭ ol ekkompreni ilian sencon. Mi iam ricevis leteron, kiu komenciĝas jene: *La de vi per via letero de la 6a de la nuna monato donitajn klarigojn mi ricevis bonorde.* Kiom multe pli klara fariĝas tiu frazo en jena vorto-ordo: ***Bonorde mi ricevis la klarigojn, kiujn vi donis al mi per via letero de la 6a de** la nuna monato.*

**Precipe ĝerman-lingvanoj emas uzi abunde la pasivajn verboformojn laŭ la kutimoj de siaj naciaj lingvoj. Sed la pasivaj tempoj ofte igas la stilon iom peza, malflua kaj "grasa". Preskaŭ ĉiam estas eble eviti ilin per simpla "aktivigo" de la frazo. Vi ja ne dirus "Estas frapate al la pordo" sed "Oni frapas je la pordo" aŭ "Oni frapas la pordon".**

## KREIVAJ KOVRILOJ






La kovriloj de san-paŭla ĵurnalo "Jornal da Tarde" ĉiam estis iu "laboratorio" pri kreiveco. Proponi al la leganto la elekton de ĉeftitolo aŭ paĝaranĝi titolon kaj foton vertikale estis kuraĝaj ideoj en unua fazo de la gazeto. Poste, famiĝis la kovriloj-afiŝoj kiel tiuj de du malvenkoj: tiu de Brazilo en la Monda Futbalkonkurso en Hispanio kaj tiu pri la "Diretas-já" - Rektaj-nun.
(el la revuo IMPRENSA)




Universala Esperanto-Asocio
en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko
Centra Oficejo: Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando
Telefono +3110 436 10 44 / 436 15 39 / Telefakso 436 1751 / Telekso 23721 uea nl

## LA UNUA PREDIKO

La nova pastro devis fari sian unuan predikon. Al li mankis oratora talento, kaj, ĉar li estis *denaske* iom timida en societo, li tre timis, ke li fuŝos sian predikon, *perdos la fadenon* de sia parolado kaj sekve komplete fiaskos dum sia unua publika apero sur la katedro.

Humile kaj plenzorge li konfesis sian maltrankvilecon al sia *superulo*, kiu, afable ridetante, klopodis kvietigi lin.

"Mia kara" – li konsilis – "prenu kelkajn glutojn da brando antaŭ ol supreniri la *ŝtuparetón* de la predikejo, kaj vi ekrimarkos, kiel trankvilige tio efikos sur vin. Vi sentos vin kuraĝigita, viaj nervoj ne plu *timtremos*, via kapo estos klara kiel akvo, kaj via lango vigliĝos kiel neniam antaŭe."

La novulo decidis obei la *bonintencajn* vortojn de la paroĥestro, kaj, kiam estis veninta la tago de lia unua prediko, li jam frumatene komencis *gustumi* la bonodoran kaj nervo-trankviligan medikamenton.

Lia prediko temis pri la pekemo de la homoj. Por ilustri, ke la homoj, jam ekde la komenco, estis agresemaj, ĵaluzaj kaj enviis unu la alian, li citis la biblian ekzemplon de la du fratoj Kaino kaj Habelo. Verŝajne sub influo de la brando, li pentris kun granda vervo la scenon de la batalo, en kiu Kaino mortigis sian fraton Habelo.

Post la prediko, li senprokraste informiĝis ĉe la *pastrestro* pri lia opinio, ĉar kompreneble li tre *scivolis*, ĉu lia unua prediko impresis bone aŭ malbone.

"Amiko", – diris la superulo – "el vidpunkto de elokventeco mi trovis vian predikon tre akceptebla, sed permesu, ke mi atentigu vin, ke Kaino ne piedfrapis al sia frato la *postaĵon* sed mortbatis lin per makzel-osto de azeno."

**Klarigoj**

de-nask-e: ekde la momento de naskiĝo (komparu: denaska esperantisto = homo, kiu lernis Esperanton de siaj gepatroj ekde la naskiĝo. Li estas denaska blindulo)

perdi la fadenon: forgesi aŭ malatenti la logikan sinsekvon aŭ ĝustecon de argumentoj, okazaĵoj aŭ ideoj dum parolado (konfuziĝi)

super-ul-o: persono, kiu estas, laŭ rango, supera al alia (ĉefo)

ŝtup-ar-et-o: ŝtupo – ŝtuparo – ŝtupareto

tim-trem-i: tremi pro timo (En Esperanto ofte kuniĝas du verboj por pli klare esprimi la sencon de la ago: ĝojkrii, plorĝemi, scivoli, scipovi, tromplogi ktp).

bon-intenc-a: kun bona intenco (bonintence interveni por pacigi la malamikojn)

gust-um-i: preni iom da io por sperti ties guston

pastr-estr-o: estro de la pastro(j), superulo (komparu: ŝipestro aŭ 'kapitano', lernejestro, urbestro, ŝtatestro, laborestro. Ankaŭ: estro, estraro, estrarano ktp.)

sci-vol-i: voli scii (Komparu: scivola, scivolema, scivolemul(in)o)

post-aĵ-o: en la senco de nia historieto 'postaĵo' indikas la malantaŭan parton de la korpo, kiu troviĝas inter la dorso kaj la gamboj (sidvangoj, gluteoj)

81 "ESPERANTO"




SAME-MALSAME

Sama vizaĝo
Kvankam malsamas la aĝo.

Sama animo
Kvankam malsamas kutimo.

Sama parolo
Kvankam malsamas popolo.

Carmel Mallia



# Kien la angla?

Ofte — kaj aparte ofte en anglalingvaj landoj — kiam oni dum diskuto sugestas la utilon de Esperanto kiel internacia lingvo, kontraŭemuloj demandas, ĉu la angla lingvo ne jam estas *la* internacia lingvo? Ĉu ne estas vere, ke ĉiu en la mondo povas almenaŭ balbuti angle? Kaj, se la malfeliĉa proponinto povas el siaj propraj spertoj *pruvi,* ke ne ĉiu parolas la anglan . . . nu, tamen ĉu ĝi ne fulme kaj nehaltigeble rapidas al fina venko?

Jam ekde la komenco ni konsentu, ke la angla lingvo posedas diversajn avantaĝojn. El tiuj mi elektas la jenajn por mia diskuto: (1) la multenombra parolantaro de la angla; (2) la supraĵe simpla gramatika strukturo de la angla; (3) la granda esprimivo kaj vortriĉeco de la angla; (4) la ampleksaj literaturoj arta kaj scienca havigeblaj pere de la angla; (5) la potenco — ekonomika, politika kaj milita — de la ĉefaj anglalingvaj landoj.

S-ro M. MacMillan, reprezentanto de *British Council** en la "Forumo" en la 56a Universala Kongreso, diris: ". . . se oni sufiĉe klare parolas la norman anglan lingvon, oni kredeble povas esti komprenata de pli ol 300 000 000 da denaskaj parolantoj de la lingvo kaj de almenaŭ pluraj el la multaj pliaj milionoj, kiuj lernis ĝin kiel fremdan lingvon."[1] Ĉar ne ekzistas precizaj ciferoj pri la nombro de parolantoj de la angla, ni elektu sufiĉe malavaran ciferon — ekz. 450 000 000 — kaj faru mallongan matematikan studon pri tiu cifero. Se la monda loĝantaro estas 3 600 000 000 da homoj, tio signifas, ke unu el ok homoj parolas (aŭ balbutas) angle. Tiu proporcio povas indiki, ke la angla ja estas *unu* internacia lingvo (tamen ne *la* internacia lingvo) sed ĝi ne estas la fina solvo de la lingva problemo. Aliflanke, se ni *ne* alnombras la denaskajn parolantojn de la angla (ekz. la nacianojn de Usono, Britujo, Kanado, Aŭstralio, Nov-Zelando ktp.) la proporcio fariĝas unu el *dudek du.* Tio signifas, ke ekster la t.n. anglalingva mondo nur unu homo el dudek du povas paroli (aŭ balbuti) angle. Cifero ne multe esperiga; kaj ĝi pruvas, ke la multenombreco de la angla parolantaro estas esence trompa.

## Simpla strukturo?

La simpla gramatika kaj vorta strukturo de la angla ne estas trompa; ĝi fakte estas avantaĝo. Fundamente la angla estas pozicia lingvo, kiel la ĉina: nur memoru la simplan regulon "Subjekto + verbo + objekto (aŭ predikato)", kaj de tio sekvas ĉio. Tamen iom malfaciligaj balastoj estas la restaĵoj de la ĝermana fleksia gramatiko, kiuj ankoraŭ troviĝas en la angla lingvo; ekz. la fleksio de la verbo ĉe la prezenca singularo de la tria persono, aŭ, pli grave, la neregulaj pluraloj ĉe ordinaraj substantivoj, la diferenco inter malfortaj (regulaj) kaj fortaj (vokalfleksiaj) verboj, kaj la plena nereguleco de la du plej ordinaraj verboj en la lingvo — esti (*to be*) kaj iri (*to go*).

Tiuj gramatikaj neregulaĵoj ege malsimpligas lernadon de la angla. Kaj tio iom diluas la avantaĝon de la simpla gramatika strukturo.

Ankaŭ plejparte simplajn vortojn posedas la angla. La plej uzataj vortoj estas unusilabaj. En la ĉina lingvo oni atingas unusilabecon per aldono de tona sistemo al la sistemo de vokaloj kaj konsonantoj; tio estas, per tridimensiigo de la sonsistemo. Per uzo de kvar tonoj, la ĉinoj povas kvarobligi la nombron de unusilabaj vortoj. La angla trovis alian, eble malpli oportunan solvon; ĝiaj vortoj restas dudimensiaj; ĝi nur multobligis la nombron de vokalsonoj. *Webster's Third New International Dictionary*** (Britannica, 1966) listigas pli ol 20 vokalsonojn de la angla. La danĝero estas, ke ĉiuj tiuj vokalsonoj esence troviĝas interne de la sama spektro, kiel niaj 5 vokalsonoj en Esperanto. Simplaj misprononcoj, kiuj ne ĝenus esperantistojn, povas esti en la angla tute miskomprenigaj. Ankaŭ, se tia misprononco enradikiĝas — ekz. en socio, kiu perdas kutimajn kontaktojn kun anglalingva lando — la lingvo povas rapide dialektiĝi. Tial la strukturo de la angla vortprovizo ne nur estas avantaĝo, sed ankaŭ malavantaĝo.

Ĉu la angla lingvo estas pli esprimiva ol aliaj lingvoj, ĉu ne, tion mi persone neniam povis nek povas konstati. Kompreneble, por anglalingvano ĝi ja estas pli esprimiva; supozeble alilingvano ne havos la saman sistemon. Kiel ekzemplon de anglalingvana sinteno, mi citas el verketo de konata usona redaktoro kaj filozofo: "Kaj, mirige, dum la procezo (de evoluo) la angla lingvo disvolvis ian subtilecon, kian neniam eltrovis alia lingvo".[2] Temas pri la gramatiko; sed aliaj homoj montras la grandan vortprovizon de la angla (pli ol 450 000 vortoj en la supre nomita vortaro) kiel pruvon de ĝia supereco. Denove, tamen,

DON HARLOW,
en la
revuo
ESPERANTO
jun1972

avantaĝo fariĝas malavantaĝo. Ĉar ne ekzistas ia skema sistemo de vortfarado en la angla, oni devas parkeri preskaŭ ĉiun apartan vorton. Kompreneble oni ne bezonas lerni 450 000 vortojn por povi paroli — eĉ flue — la anglan; tamen ĝi restas treege komplika kaj laciga lingvo por la lernanto. Kaj se oni intencas *verki* en la angla, la problemo fariĝas multe pli malfacila.

## Politika aŭ kultura supereco

Rilate tiun verkadon, mi nun menciu la literaturon de la angla. S-ro MacMillan, okaze de sia prelego, diris, ke "ĉar la angla jam ne baziĝas sur unu metropola kulturo, oni povas argumenti, ke ĝi nun portas malpli da sugestemo pri politika aŭ kultura supereco, ol antaŭe".[3] Tamen, kiam oni legas anglalingvan literaturon, oni kutime legas usonan aŭ britan literaturon; la originala anglalingva verkado de neanglalingvaj verkistoj estas preskaŭ nula (la sola memorinda escepto estis la poldevena Joseph Conrad).[4] Kaj, aldone al tio, oni devas memori, ke la plej granda parto de la anglalingva literaturo, kiel de ĉiuj literaturoj, povas esti preskaŭ sen literatura valoro.[5] Finfine, preskaŭ ĉiu povas legi la valoran parton de la anglalingva literaturo pere de tradukoj. Mi nun volas proponi demandon por la leganto: Ĉu *vi* iam ajn legis teatraĵon de Shakespeare en la angla? Aŭ iun ajn romanon en la angla?

Pri teknika literaturo la afero estas alia. Supozeble pli ol 60% aŭ 70% de la nuntempa teknika literaturo (lernolibroj, referaĵoj ktp.) aperas en la angla. Tamen tio ne devas esti problemo por alilingvanoj. Kvankam arta literaturo restas netradukebla pere de komputeroj***, la postuloj de la teknikistoj kaj sciencistoj ne estas tiel stile purismaj. Jam en Usono oni povas mendi de la *Department of Commerce* (Komerca Departemento), ĉe ĝia "Clearinghouse" (Informa Servo), t.n. "redaktitajn permaŝinajn tradukojn" de diversaj alilingvaj referaĵoj. Supozeble en la proksima estonteco la monda teknika literaturo estos havebla por la parolantoj de iu ajn lingvo.

La ĉefa avantaĝo de la angla lingvo troviĝas en la potenco de la anglalingvaj landoj — precipe de Britujo dum la 19a jarcento kaj de Usono dum la nuna. Oni povas nur bedaŭri, ke la esperantistoj ne povas amasigi tiajn armeojn, tiel grandajn flotojn, tiom da ekonomia forto. Tiuj faktoroj certigos la finan venkon de la angla . . .

Nu, ĝuste aplikate ili *povus* certigi la finan venkon de la angla. La konkero de Galujo fare de la romanoj dum la unua jarcento a.K. certigis la malaperon de la keltaj lingvoj en tiu parto de Eŭropo kaj la disvastiĝon de la latina kaj de ĝiaj dialektoj. Sed la Romia Imperio estis multe pli longedaŭra, ol la Brita Imperio. Komence de la nuna jarcento unu homo el kvar estis regato de la brita reĝino. Hodiaŭ la Imperio fariĝis la Komunumo, kun forto pli morala ol efektiva. Kvarono de la homaro ankoraŭ loĝas en la Brita Komunumo; kiom el tiuj parolas la anglan eĉ kiel duan lingvon?

Kvankam Usono, la alia ĉefa centro de la angla lingvo, nuntempe disponas pri multe pli da potenco ol Britujo, tamen ĝia hegemonio neniam tiel vastiĝis. La du solaj gravaj eksterlandaj posedaĵoj de Usono — Portoriko kaj Filipinoj — ne montras ian ajn venkon de la angla lingvo. La ĉefa lingvo de Portoriko restas la hispana, kaj portorikaj migrantoj faris la hispanan la dua lingvo de Novjorko; kaj en Filipinoj nuntempe la angla lingvo rapide dekadencas. Jam en la Brita Komunumo oni povas konstati dialektiĝon de la angla. S-ro MacMillan konfesis, ke "la okazoj de kontakto kun eksterpatrujaj denaskaj parolantoj de la angla malplioftiĝas, dum tiujn anstataŭas lokaj instruistoj, kies regado de la angla ofte ne estas kompleta".[6] Kompreneble, pro la komplika kaj misprononciga vokalsistemo de la angla, kiam oni ne povas paroli kun kaj lerni de denaska Tion jam rimarkis *The British Council* en sia jarraporto por 1969 (kiel siatempe raportis *The British Esperantist*); hindaj anglalingvaj instruistoj en Nigerio ne povis interkompreniĝi kun nigeriaj anglalingvanoj. (Kiel kromnoto: en britaj ĵurnaloj oni ofte fanfaronas pri la trudado de anglaj pruntvortoj en aliajn lingvojn. Precipe la francojn nuntempe ĝenas tiu afero. Sed, kiel Weinreich rimarkis, "Neniu lingvo iam estingiĝis pro troa enprenado de 'pruntaj vortoj'."[7] Efektive la angla mem estas plenplena de pruntvortoj — ekz. *pyjamas, bungalow, hibachi, alcohol, boss.* Ĝi tamen restas la angla.)

Do oni povas konstati, ke la ŝajna avantaĝo de la potenco de la anglalingvaj landoj efektive estas nur potenciala; en la nunaj kondiĉoj ĝi estas malavantaĝo. La disvastiĝo de la angla lingvo dependis de la potenco de la anglalingvaj landoj kaj ne de siaj propraj ecoj. Pro la iom-post-ioma retiriĝo de tiu potenco (por pliaj detaloj, legu viajn ĵurnalojn) velkas la potenco

de la lingvo. Esperanto ne profitas pro tiaj avantaĝoj; fine ĝi ne suferos pro la akompanaj malavantaĝoj.

Oni povus eble antaŭvidi por la estonteco de la lingva problemo ripeton de la kutima ciklo: malapero de la angla kiel ĉefa lingvo de internacia komerco ktp., kaj kresko de iu alia lingvo por anstataŭi ĝin, ekz. la rusa, ĉina, japana, hispana aŭ alia. Sed je la nuna turno de la historio nova aktoro aperis sur la lingva scenejo; tio estas la Internacia Lingvo Esperanto. La sorto donis en la manojn de la esperantistoj la ilon, per kiu oni povos rompi tiun ciklon kaj unu fojon por ĉiam solvi la lingvan problemon.



* British Council: la brita instanco por disvastigo de la angla lingvo kaj brita kulturo (red.)

1. MacMillan, M.: "La angla kiel lingvo de pli vasta interkomunikado", prelego okaze de la "Forumo" en la 56-a UK, Londono, 1971.

** "Webster's Third New International Dictionary". Unu el la plej konataj vortaroj de la angla lingvo (red.)

2. Campbell, John W., Jr.: "The International Language" eseo en "Analog Science Fact & Science Fiction", junio 1963, p. 95.
3. Verko citita ĉe 1).
4. Kaj eble la apostoloj. Laŭ intendanto de lernejo en la usona ŝtato Arkansas, en diskuto kun gepatra grupo deziranta enkondukon de fremda lingvo en la lerneja temaro: "Se la angla lingvo sufiĉis por Jesuo Kristo, ĝi sufiĉu por vi.".
5. Ekz. eble la plej furora libro en Usono dum 1970 estis la romano "Naked Came the Stranger" (Nuda venis la nekonato), kiun verkis dudek du ĵurnalistoj amase por pruvi, ke oni povas disvendi verkon tute sen ia ajn literatura valoro.

*** komputero = elektronika aŭtomato (red.)

6. Verko citita ĉe 1).
7. Weinreich, Marcel: "Ethnos and Logos", en "La Monda Lingvo-Problemo", 1971, vol. 2, n-ro 6, p. 146.

ASTROLOGIO

LA SIGNOVERBOJ...



ŜAFO - Mi volas!

TAŬRO - Mi havas!

ĜEMELOJ - Mi pensas!

KANKRO - Mi sentas!

LEONO - Mi estas!

VIRGO - Mi analizas!

PESILO - Mi amas!

SKORPIO - Mi Kontrolas!

SAGITARIO - Mi observas!

KAPRIKORNO - Mi povas!

AMFORO - Mi scias!

FIŜOJ - Mi kredas!

## INTERVJUO KUN JOSÉ TRIGUEIRINHO NETTO






Foto el "planeta", ilustraĵoj el "Realismo Fantástico"

JOSÉ TRIGUEIRINHO NETTO, UNU EL LA ĈEFAJ SPIRITAJ GVIDANTOJ DE LA T.N. AVANCITA NIFOLOGIO EN BRAZILO KAJ AŬTORO DE PLURAJ LIBROJ PRI SPIRITA PSIKOLOGIO, NOVA ERAO KAJ ALIPLANEDAJ CIVILIZOJ, ANTAŬ NELONGE ESTIS INTERVJUITA DE REVUO "PLANETA". "JES JA!" REPRODUKTOS GRANDPARTE DE TIU INTERVJUO ĈINUMERE KAJ EN LA VENONTA:

Kiel vi difinas vian laboron?

TRIGUEIRINHO - Estas laboro pri disvolviĝo de la konscio je la spirita nivelo celante helpi la homojn familiariĝi kun aliaj vivtavoloj, kun aliaj dimensioj trans tiuj de la fizika, emocia kaj mensa.

Kiel vi taksas la nuntempan proceson de evoluo (aŭ involuo) de la Tero?

TRIGUEIRINHO - La Tero kiel planedo estas pasanta tra iu iniciata krizo, tio estas, ĝis estas forlasanta sian kondiĉon de nekonscia planedo por fariĝi iu planedo kiu ekkonsciiĝas pri ĝia rolo en la sunsistemo; kaj la homaro kiu vivas en la tersuperfico estas fruktuzanta tian krizon: ĝi estas forlasanta ĝian fizikan, emocian kaj mensan kondiĉon por komenci atingi ĝiajn supramensajn nivelojn de konscio.



17

Kiel estis via kontakto kun la eksterteranoj en ERKS (NdlR: Erks, intratera civiliza centro situata en la provinco Cordoba, Argentino)? Ĉu ili venis ĝis la superfico aŭ vi descendis al ilia mondo?

TRIGUEIRINHO - Mi restis en la superfico de la fizika valo de Erks, mi spektis la projekcion de la intratera urbo en la horizonton; kaj la spacoŝipoj kiuj materiiĝis jen ili estis el aliaj galaksioj kiuj estis farantaj manovrojn en la areo, jen ili estis spacoŝipoj el la propra urbo Erks, kiuj ekaperis, materiiĝis aŭ foriris el la montegoj.

(pluas)

18



**Ĉu vi havis la oportunon persone vidi la eksterteranojn?**

TRIGUEIRINHO - Mi vidis tiujn kiuj estas enkarniĝintaj en fizikaj korpoj (homaj).Krom tio, mi fotis tiujn kiuj vivas en suprafizika nivelo.

**Ĉu ni akceptas pli da vizitantoj el la planedoj de la sunsistemo aŭ el aliaj partoj de la spaco?**

TRIGUEIRINHO - Ni akceptas vizitantojn el multaj galaksioj.La propra centro Erks estas centro de sideraj kosmaj restantoj el ĉiuj galaksioj kiuj laboras en la Tero ĉimomente.Ekzistas iu intergalksia unio, el ĉiuj galaksioj povas veni estuloj por labori en la Tero kondiĉe, ke ili

(pluas)

havu taskon por plenumi ĉi tie.

Kia estas la evolugrado de Tero en la sunsistemo?

TRIGUEIRINHO - En la suna sistemo la Tero estas planedo konsiderita nesanktega. Sanktega planedo estas tiu kiu konsciiĝas pri la superaj leĝoj kaj kiu havas superan vivon inter siaj loĝantoj. Nur nun la Tero estas konsciiĝanta pri tio.

Kiuj estas la sanktegaj planedoj?

TRIGUEIRINHO - En la sunsistemo troviĝas sep sanktegaj planedoj, sed ne tute utilus mencii ilin nomojn ĉar kelkfoje eblas, ke oni volas aludi al iu suprafizika nivelo de la planedo. Multaj homoj ankoraŭ ne akceptas la ekzistecon de eksterteranoj, spiritoj ktp...Mi pensas, ke ne plu estas la momento zorgumi pri la homoj kiuj ne akceptas tion. Ni devas doni la adekvatan informon, ĝustan, por tiuj kiuj estas "malfermitaj" por ilin ricevi, ĉar ĝuste tiuj devas kreski laŭ konscienco por formi la novan homaron.

(DAŬRIGOTA VENONTNUMERE)





## ĈINUMERE: RAPORTO DE CESAR DORNELES SOARES

Ĉirubrike esperantisto raportos pri kiel (kaj kial) li/ŝi esperantistiĝis kaj pri la signifo de Esperanto en lia/ŝia vivo. Konsideru de nun invitita sendi vian kunlaboraĵon tiucelan. En ĉi tiu numero, la raporto de Instr. Cesar Dorneles Soares, estrarano de ESPA-Esperantista Societo de Porto Alegre kaj redaktoro de JES JA!



"Pomo estas frukto. Leono estas besto." Ĉu vi memoras pri Junul-kurso? En la malproksima 1980 kiam komenciĝis mia esperantistiĝo ĝi estis la plej uzata lernilo en Brazilo. Tiujare mi ekvizitis bazan kurson de la IL ĉe Spiritisma Societo "Allan Kardec", unu el la plej tradiciaj institucioj religiaj en Porto Alegre. Karlo kaj Johanino fariĝis tre familiaraj al mi. Certe kiel



vi, mi komencis studi E-on kun granda entuziasmo. Fakte tia interesiĝo naskiĝis jam en mia infanaĝo kiam mi ektrafoliumis du lernolibrojn - "Curso Prático de Esperanto", far Ferenc Szilágyi kaj "Metodo de Esperanto", far Ismael Gomes Braga. Tiaj libroj apartenis al mia patro, kiu antaŭe, stimulita de kolego, komencis partopreni en esperanta kurso sed tuje forlasis ĝin. Restis la lerniloj. En mia juneco la "verda afero" laŭ spiritualisma vidpunkto tre atento kaptis min. Poste, jam kiel esperantostudanto, la legado de ĉapitroj pri la IL en la libro "Sobrevivência do Espírito", far la spirito Ramatis, klariganta pri diversaj aferoj rilate al la rolo de la zamenhofa lingvo laŭ la spiritualista mondpercepto, forte impresis min. De tiam solidiĝis en mi la firma konvinko pri la valoro kaj nediskutebla "fina venko" de E-o en estonteco ne tiel fora. De tiam la amo kiu fariĝas eterna...

En 1981, emociplena kaj neforgesebla momento de mia ĵuskomencita movadana aktiveco: la ekvido de esperanta flago en la salonego de la Nacia Kongreso. Ĉu necese paroli pri la resto? Sekviĝis partoprenoj kaj kunlaboro ĉe aranĝado de eventoj ĉu regionaj ĉu naciaj, kiuj por mi estas nepraj spertoj por ke la plejmulto de la esperantistoj ne forlasu la aferon. Por fini, mi diru, ke Esperanto signifas por mi ian miksadon de konkretigilo de idealismo kun instrumento (unu el ili) por memrealiĝo en la kampo de instruado, amatora ĵurnalismo, administrado ktp. Ne menciante pri ĝia rolo kiel kulturilo kaj... amikigilo.



---

KIO? KIE?

JOÃO PESSOA ESPERANTO-KLUBO - Provizora adreso: Str. Emílio Chaves, 293, PK 58045 João Pessoa, PB



# EŬROPA VIVPERIODO DE FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ

Far Inĝ. Alberto Flores
Volta Redonda/ RJ





Vilaĝo Zbislav, kie naskiĝis Lorenz

Francisco Valdomiro Lorenz naskiĝis la 24an de decembro, 1872, je la 23a horo kaj 12 minutoj, en la vilaĝeto Zbislav, proksime de la urbo Časlav, en Bohemujo, kiu, tiam, estis parto de la teritorio de la Aŭstra-Hungara Imperio (1867-1919). Nuntempe ĝi estas parto de Ĉeĥoslovakio (Bohemio, Moravio, Silezio parolas ĉeĥe, kaj Slovakio parolas slovake). Ĉeĥoslovakio komencis ekzisti kiel respubliko nur post la 1-a mondmilito. Lia patro, ankaŭ nomata Francisco Lorenz (= František Lorenc), estis malriĉa muelisto, kiu neniam sukcesis havi sian propran muelilon. Lia patrino estis Tereza Lorenc (naskita Vitková); ŝia patro havis la familian nomon Vitk, kaj ŝia patrino Vlk. Liaj gefratoj estis: Karlo, Johano, Jozefo kaj Igneso (ĉeĥe: Karel, Jan, Josef, Agnes).

1877/1881 - Tre inteligenta infano, je sia 5a jaro li jam scipovis legi. Rapide kaj brile li plenumis la unuajn kvar klasojn de la elementa kurso, en popollernejo de Zbislav.

1885/1888 - Nur en proksima urbo Časlav (prononcu "Ĉaslav) estis gimnazio kaj li devis tien iri piede, ĉar mono por veturado ne estis. En tiu urbo li frekventis la kvar gimnaziajn klasojn. Malriĉa knabo, malsufiĉe nutrata, kelkfoje malsatanta, li ofte malsaniĝis, sed avide lernadis. Dufoje, pro malsato, li svenis en la lernejo. Okazis, ke li ŝparis la monerojn, kiujn lia patrino donacis al li por aĉeti manĝaĵon, kaj, anstataŭ aĉeti ion por manĝi, li aĉetis librojn por legi. Kiam lia patrino Tereza elkovris la kaŭzon de la svenoj, decidis ŝi mem prepari manĝaĵetojn por li.





1888/1890 - Post, Francisko partoprenis ankoraŭ du klasojn en katolika seminario, en la urbo Kolin. Lia patro tre deziris, ke Francisko fariĝu katolika pastro. Francisko konsentis pri tio, li jam estis leginta la tutan Biblion kaj estis tre afabla kaj religiema junulo. Sed kelkaj okazintaĵoj malhelpis la plenumadon de tiu sacerdota elvokiĝo. (daŭrigota venontnumere)

---

RICEVITE

NOVA STELO n-ro 3 - Portugallingva bulteno de Anápolis Esperanto-Klubo (PKesto 399, 75001 Anápolis/ GO) kun artikoletoj kaj informoj pri la Movado. Menciinde i.a. listo de brazilaj kongresoj de esperanto realigitaj ĝisnune.

KLIK!

Auguste Léon: sube Placo de la Nacio, en Parizo, dum la 1-a Mondmilito. La sablosakoj protektas pri bombado la monumenton La Triumfo de la Respubliko.

